


Nemzetközi
eszperantó
diáklap

Megjelenik
évente háromszor

X. évfolyam
83/1. szám

Felelős szerk.:
Princz Oszkár

Kiadja
a Magyar
Eszperantó
Szövetség
Budapest
Kenyérmező u. 6.
1081

Felelős kiadó:
Vaskó Tibor

Készült a
MESZ
Sokszorosítóban
84-0007
Kiad. eng. sz.:
III/IFJ/30/1976.
**ISSN
0230-1318**

*

TASKO
DE ĈIU
ESPERANTISTO:
PROPAGANDI
LA REVUON
INTER LA
KOMENCANTOJ!

# *Al niaj kunlaborantoj*

Dankon pro multaj instigoj okaze de la reapero de nia revueto.

Leteroj, kiujn ni ricevis, apartenas al tri specoj: 1) Tiuj kun proponoj aŭ demandoj pri kunlaboro, sed sen konkretaj kontribuaĵoj, 2) kontribuaĵoj plejparte neuzeblaj pro nekonvena vortostoko aŭ manka lingvouzo, 3) kontribuaĵoj uzeblaj post pluraj adaptoj, ĉefe rilate al elekto de konvenaj esprimoj.

La konkludo estas simpla: verku nur facilajn legaĵojn, uzante 750 vortradikojn, sed maksimume 1000 – kaj en tiu kazo klarigu piednote la plusajn. En la sekva numero ni publikigos tiun bazan radikaron.

Alia grava demando koncernas la temojn de la nunaj kaj venontaj kontribuaĵoj. Kio interesas la junan korespondemulon, leganton? Muziko, sporto, tekniko, filmoj, vojaĝado, kolektado... Bonvenaj estas ne nur beletraĵoj, sed ankaŭ primovadaj (junularaj) interesaĵoj laŭeble kun fotoj. Ne forgesu, ke Juna Amiko estas lerneja revuo. Tiurilate ni rekomendas al vi trafoliumi la antaŭajn numerojn.

Kaj fine – kiel kompreni, ke niaj kunlaborantoj troviĝas nur en kelkaj landoj kaj sole en tiuj de Eŭropo?

la redaktoro

# Kiuj parolas de-naske

De-naskaj esperant'istaj infanoj bezonas apartan zorgon de nia mov'ado. Pro tio oni okaz'igas ĉiu-jare Infanan Kongres'eton de UEA, poste Pup[1]-teatran Inter-nacian Festivalo[2] kaj lasta-tempe ankaŭ Renkontojn de Esperantistaj Famili-lioj (REF).

Tiu ĉi lasta aranĝo – el la ĝis-nunaj kvar – okazis en 1982 jam la trian fojon en Hungario. Parto-prenis ĝin la plej junaj movad'anoj el Hungario, Jugoslavio kaj Pollando. Inter ili estis ok de-naskaj esperant'istaj infanoj en la aĝo de tri ĝis ok jaroj. La infanoj jam grand-parte konis unu la alian, sed ĉe-estis ankaŭ nov'uloj, kiuj facile amik'iĝis kun la ceteraj, pli aĝaj.

La ge-knaboj agis tre mem-stare, kion klare montris ankaŭ iliaj programoj kun kantoj, pup-teatra prezent'ado kaj dancoj, kiujn du infanoj lernis dum la infana kongres'eto en Belgio. Ĉiu-tage oni legis rakontojn en Esperanto por si mem, aŭ por la pli junaj amikoj, kiuj ankoraŭ ne sci-povis legi. Oni precipe ŝatis la librojn Asteriks la gaŭlo, Krabo kun oraj pinĉiloj kaj la ĉinajn fabelojn[3]

Ludoj, kantoj, dancoj, fabeloj... Tia-maniere la plej junaj divers-naci'anoj lernas komunan lingvon kaj kutim'iĝas al ag'ado en komuna rondo de sam-aĝ'uloj. Ni donu al ili kiom eble plej multe da ebl'ecoj por tio.

(laŭ ESPERANTO)

1/ Pupo – lud'ilo simila al la homo, 2/ vico da prezentoj, 3/ por-infana rakonto.



*Marjorie Boulton*

# Araneo en la ban-kuvo

Ho granda araneo migra,[1]
sur blanka kuvo[2] tiel nigra,
kun tro da ventro[3] kaj da kruroj,
kaj tro subitaj, nigraj kuroj,
kial, post fru-matena pluvo,
vi sidas nun en mia ban-kuvo?

Se mi vin lavos for, pel-pele,[4]
estos sen-kore kaj kruele.[5]
Mi povas vin tre mal-bezoni,
tamen, vi ne meritas droni.[6]
Ĉu mi vin prenu fingre? Ve,
per fingroj tuŝi? — Dankon, NE.

La kato venas kaj rigardas.
Ĝiaj okuloj brile ardas.[7]
Ĉu Kaĉjo[8] nun, per akra[9] ungo,[10]
aranĝos frue pri mal-dungo?
El-puŝas ĝi piedon pekan,[11]
sed tuŝas kuvon tre mal-sekan.

La kato skuas[12] la piedon.
Mi skuas kapon, sentas tedon.[13]
Mi volas bani min, sed ne
en sama kuv' kun arane',
Estu afabla! Per favor',[14]
Bela Araĉjo,[15] iru for!

Ne helpas flato.[16] Jen la pruvo[17]
Vi daŭre restas en ban-kuvo.
Mi volas bani min hodiaŭ,
ne morgaŭ. Kaĉjo diras „Miaŭ!"
Vi sidas en la kuv' silenta,
mult-krura, nigra, kaj kontenta.

Ho vi, ok-krura embaraso![18]
Jen mia dento-brosa glaso;
vidu la truon. Kiel bela!
Ek, enen! estos vojo ela.
Mi portos vin al mia pordo.
Ek, el! Bon'ege! Ĉio en ordo!

Mi trovis solvon al problem'
kaj tre kontentas pri mi mem;
mi banas min, mi iĝas pura,
sen araneo aĉe[19] kura...

Mi staras kun kok'ina kluko:[20]
Alia sidas sur la tuko.

1/ kio iras de unu loko al la alia, 2/ ujo, 3/ korpo-parto, 4/ peli – kur'igi, 5/ terure, sen-kompate, 6/ morti en akvo, 7/ fajras, 8/ kat'eto, 9/ tranĉa, pinta, 10/ mal-mola el-kresk'aĵo ĉe la fino de la fingro, 11/ kulpa, 12/ rapide movas, 13/ tro-sat'iĝo pro io, 14/ util'emo, bon-volo, 15/ arane'eto 16/ troa laŭdo, 17/ per kio oni povas montri verecon de io, 18/ mal-agrabl'aĵo, 19/ mal-bele, 20/ kok'in-krio.

# KANTU!

**ESTIS MI EN LANDO**
(Elmentem én Bécsbe)
Hungara infana kanto

Es-tis mi en lan-do ĉe l' mon-do ran-do[1]
mi ĉe-va-lojn ŝte-lis i-lin mi pe-lis[2].
Hu-foj[3] el mar-mo ro,[4] vos-toj[5] el o-ro[6]
Tur-nu vin, tur - nu vin, be-la Ma - ri -njo!

Trad. Imre Szabó

La infanoj marŝas[7] ronde, tenas la manon unu al la alia. Kiu aŭdas sian nomon, tiu turnas sin. Kiam jam ĉiuj turnis sin, ili, same kiel en la unua parto, returnas sin unu post la alia.

---

1/ fino, 2/ kur'igi, 3/ suba parto de la (ĉevala) piedo, 4/ bela ŝtono, kiun oni uzas en la konstru'ado, 5/ la plej mal-antaŭa korpo-parto de iuj bestoj, 6/ mult-valora metalo, 7/ paŝi.

## RESPONDU

1. Kio est'iĝas, se oni krucas la kulon[1] kun la pulo[2]?
(Kul-pulo)

2. Kiu viro estas el du korpo-partoj?
(Kolomano: kolo kaj mano)

3. Ĉu la mulo[3] estas bela antaŭ la ĉaro[4]?
(Berlino, Vankuvero, Montevideo)

4. Pri kiuj urboj temas: ne brilo, venku varo, vento-medio?
(Jes, ĉar tiam ĝi estas ĉar-mulo[5]!)

---

1-2/ insektoj, 3/ besto, 4/ vetur'ilo 5/ agrable bela

# Milionoj kolektas ilin

**El la historio de poŝt-markoj**




Tio okazis proksim'ume antaŭ 150 jaroj. Sur mal-nova poŝta vojo ie en Anglio rapidis poŝt-vetur'ilo. En ĝi estis kelkaj homoj kaj krome sakoj kun poŝt'aĵoj, kiujn oni tia-maniere transport'adis en la tuta Eŭropo.

La vetur'ilo proksim'iĝis al iu urbo kaj ĉiuj jam ĝojis je mal-longa ripozo kaj re-freŝ'iĝo en la loka gast'ejo. Ankaŭ la juna viro Rowland Hill, kiu baldaŭ tra-vivos la momenton, kiu cert'igos al li lokon en la historio. Almenaŭ inter filatel'istoj.[1]

En tiu tempo ricevo de la letero estis sufiĉe multe-kosta afero. Pagi devis tiu, kiu ĝin ricevis. Oni devis pagi laŭ ĝia pezo, laŭ la longo de vojo, laŭ tio, kiom da ĉevaloj tiris la poŝt-vetur'ilon kaj kiom-foje oni devis ŝanĝi la vetur'ilon. Ofte okazis, ke oni ne volis akcepti la leteron pro la alta prezo.

Ni re-venu al nia rakonto. Inter la urb'anoj, kiuj atendis la poŝt-vetur'ilon, Rowland Hill ek-vidis belan knab'inon. La poŝt'isto en-man'igis al ŝi leteron kaj – kiel estis kutimo – postulis la pagon. En tiu ĉi momento la knab'ino ruĝ'iĝis. Kun kulp'eta rid'eto ŝi re-donis la koverton al la poŝt'isto. Sinjoro Hill nun havis la ebl'econ montri sian grand-anim'econ. Li pagis al la poŝt'isto la necesan sumon kaj donis la leteron al la knab'ino. Sed li aŭdis eĉ ne unu dankan vorton.

Li ek'sciis kial. La leteron sendis la la frato de la knab'ino, kiu vivis en mal-proksima angulo de la lando, kaj ĝia nura al-veno montris al ŝi, ke li vivas kaj fartas[2] bone. Ĉar la knab'ino ne havis la monon por pagi, la letero povis iri reen al la frato. Kaj laŭ la inter-konsento inter la ge-fratoj tio signifis,[3] ke ankaŭ la frat'ino fartas bone. Do, la poŝto port'adis la informon tien kaj reen tute sen-page.

Kiam la poŝt-vetur'ilo daŭr'igis sian vojon, sinjoro Hill havis la tempon por









Des.P.Rak.

pri-pensi la tutan aferon. Siajn pensojn li poste klar'igis en la letero al la poŝt-ofic'eja estro de Britio. Li skribis, ke la ŝtato nur gajnos, se ĝi mal-pli'igos la pagon por trans-port'ado de leteroj kaj se ĝi postulos antaŭ-pagon. Krome, li proponis[4] signi[5] la leterojn, kiujn oni pagis, per iu marko, tiel, ke ĝi estu bone vid'ebla sur la koverto. La poŝt-estro tre amuz'iĝis dum la legado de lia letero kaj ege ridis. Pri la ideo signi leterojn per iu marko li diris, ke tio estas la plej granda mal-saĝ'aĵo en la mondo. Kaj en tiu senco li respondis al sinjoro Hill.

Sed la juna viro ne ĉesis prezent'adi siajn proponojn ĉe diversaj ofic'ejoj ĝis li fin-fine sukcesis. Li far'iĝis ofic'isto ĉe la brita poŝto kaj la reg'ist'aro decidis efektiv'igi lian ideon. Oni aranĝis konkurson[6] pri la plej bona glu[7]-marko. Venis pli ol 300 proponoj, sed gajnis tiu de Hill, kiu proponis bild'igi la kapon de la reĝino Viktoria.

Fine de aprilo 1840 ĉiuj britaj poŝt-ofic'ejoj ricevis glu-markojn. La nigrajn po 1 penco[8] kaj la bluajn po 2 pencoj. Sam-tempe ĉiuj poŝt'istoj ricevis ordonon uzi tiujn ĉi markojn ek de la 6-a de majo 1840. Tio estis nask'iĝtago de la filatelo...

Post Britio sekvis Svislando (1843), Usono (1847), Francio (1848), Belgio (1849), Germanio (1850). Konstru'ado de la fer-vojoj ebl'igis vetur'igi la leterojn pli rapide.

Unue oni produktis poŝt-markojn en privataj uzinoj. Poste pri tio komencis okup'iĝi la ŝtato. Ekzistas du manieroj por fari la poŝt-markon, kiu estas mal-multe-kosta, tamen arte valora objekto. La unua estas simila al pres'ado[9], la alian prezentas kupro-gravur'ado[10], kiu estas pli mal-facila, sed la produkto pli bela kaj pli valora.

Ankaŭ la stampoj[11], kiujn oni presas sur la poŝt-markojn en la poŝt-oficejoj, far'iĝis divers-formaj, dum kiam ekzistas poŝt-markoj, kaj ili estas diversaj ankaŭ laŭ-lande. Kutime ili enhavas la nomon de la loko, kie trov'iĝas la poŝt-ofic'ejo, kaj la daton. Iuj

stampoj aŭ poŝt-markoj estas por-okazaj, ekzemple la kongresaj.

Pri la poŝt-markoj okup'iĝas la filatelo. La filatel'istoj kolektas poŝt-markojn pro ilia bel'eco, valoro, mal-oft'eco. Ankaŭ inter la esper'ant'istoj estas multaj filatel'istoj. La Internacia Lingvo ebl'igas al ili korespondi[12] kun multaj landoj kaj inter-ŝanĝi plej diversajn poŝt-markojn.

*D.Berndt – M.Turin*

---

1/ kiu kolektas kaj okup'iĝas pri poŝt-markoj, 2/ senti sin iel, 3/ havi precizan sencon, 4/ prezenti por pri-juĝo, 5/ montri, atent'igi pri io, 6/ parto-preno en io kun la celo gajni,, 7/ glui – kun'igi du objektojn, 8/ brita monero 9/ mult'obl'igado de skrib'aĵoj, 10/ desegn'ado sur metalo, 11/ signo de poŝt-ofic'ejo 12/ skribi leterojn unu al la alia.

# LUDI KAJ LERNI

**Ĉas'istoj[1] kaj rab'istoj[2]**

*Ludas du egale grandaj grupoj. La ĉas'istoj mov'iĝas ekzemple sur la herb'ejo, dum la* rab'istoj provas trans-kuri ĝin tiel, ke la ĉas'istoj ne povu kapti ilin. La kapto okazas per simpla tuŝo. Tiu, kiun oni kaptas, devas tuj for-iri de la lud'ejo. Se ludas pli multaj, tiam la rab'istoj havas ian objekton, kiun ili post la kapto trans-donas al la ĉas'istoj. Poste ambaŭ grupoj inter-ŝanĝas siajn lokojn. Gajnas tiu grupo, kiu kaptis pli da ali'uloj.

**Pilko**

Ĉiu, kiu ludas, ricevas nomon de iu naci'ano, ekzemple turko, franco, japano. Oni staras ronde ĉirkaŭ la pilko kaj diras:

Viando kaj supo
bon-gusta por lupo
vane emas
nun jam venas...

En tiu ĉi momento iu diras ies naci'econ: tiu devas rapide preni la pilkon kaj ĵeti ĝin kontraŭ iun kun'ulon. Tiu, kiun li trafas, perdas la ludon. Simile mal-gajnas tiu, kiu trafi ne sukcesas.

K.K.

**Novaj vortoj**

Unu el la du ge-knaboj skribu sur la tabulon kvin vortojn, kiujn li el-lernis. La alia devas klar'igi skribe ilian signifon.[3] Poste ĉio ripet'iĝas, sed komencas tiu, kiu antaŭe devis klar'ig'adi. La pli sukcesa el ambaŭ ricevas de sia kun'ulo bild-karton aŭ alian donac'eton.

J.F.

---

1/ ĉasi-sekvi la beston por mort'igi ĝin, 2/ rabi - per forto for-preni ies hav'aĵon, 3/ preciza senco.

# PER GAJAJ OKULOJ

**Instru'isto**: Ge-knaboj, mi klar'igos al vi, kio estas abstrakt'aĵo. Ĝi estas vorto, kiu prezentas tian aferon, kiun ne eblas tuŝi'. Ĉu vi povus diri al mi ekzemplon?
**Karlo**: Peco da varm'ega fero!

*

**Jun'ulo**: Sinjoro, mi dezirus edz'iĝi al via fil'ino. Ĉu vi konsentas?
**Patro de la fil'ino**: Ĉu vi jam parolis kun mia edz'ino?
**Jun'ulo**: Jes, sed tamen mi deziras edz'iĝi al via filino.

*

**Gasto**[1]: Kelnero! En la supo, kiun vi al-portis al mi, naĝas[2] muŝo[3]!
**Kelnero**[4]: Tio ne estas ebla. La muŝoj ne sci-povas naĝi!

*

Amik'inoj inter-parolas:
– Kion vi faras, se la tag-manĝo ne plaĉas al via edzo?
– Mi re-tenas ĝin por la vesper-manĝo.

*

– Bon-volu prunti al mi dudek kronojn.
– Bone. Sed kiam vi re-donos ilin?
– Kia demando! Ĉu por kelkaj mon-eroj mi eĉ aŭguru[5] al vi? !

*

– Patrino, ĉu mi havas ankoraŭ lakto-dentojn?
– Jes, mia kara.
– Do, la patro certe havas vin-dentojn, ĉu ne?

*

– Kara filin'eto, ne kondutu[6] tiel strange. Kion vi faros, kiam vi havos infanon?
– Mi jam havas, patro!

*G.Ö.*

---

1/ Kiu vizitas, 2/ trans-lokiĝi en akvo per movoj, 3/ insekto, 4/ kiu al-portas mang'aĵon aŭ trink'aĵon, 5/ antaŭdiri, 6/ iamaniere esprimi

# Lingvoj en Sovet-Unio

En Sovet-Unio oni parolas en-tute 120 lingvojn. La rusa lingvo estas la ĉefa, sed ĉiuj lingvoj en Sovet-Unio estas egal-rajtaj. Antaŭ la jaro 1917 multaj lingvoj tie ne havis sian alfabeton,[1] ne ekzistis ties naciaj kulturoj.[2] Post la revolucio[3] oni for'igis la naciajn, do ankaŭ la lingvajn privilegiojn.[4] Nur de tiam 48 nacioj de Sovet-Unio komencis uz'adi siajn proprajn lingvojn ankaŭ en la propraj skribaj formoj.

En Sovet-Unio ne estas unu-nura ŝtata lingvo. Ĉiu el la 15 sovetaj respublikoj havas sian propran ŝtatan lingvon. La rusa lingvo servas kiel ne-oficiala[5] inter-lingvo. En la lern'ejoj oni lernas en la nacia lingvo, sed krome oni lernas ankaŭ la rusan.

Ĉar la rusan lingvon oni uzas plej vaste kaj plej multe, ne ĉiuj lingvoj de Sovet-Unio povas havi la saman praktikan signifon,[6] precipe ne tiuj de mal-grandaj popoloj. Kiel ekzemplon ni prenu la ĥakasan nacion en Krasnojarska regiono. Ĝi estas unu el 95 nacioj de Sovet-Unio, kiuj havas mal-pli ol 500 000 anojn. Sur ĝia teritorio,[7] preskaŭ tiel granda kiel Hungario, vivas duon-miliono da homoj, sed nur ĉiu deka estas ĥakaso. La ĥakasan skribon oni starigis jam en 1924, sed nur en la jaro 1940 ĝi ricevis la finan formon. En la ĥakasa alfabeto, kiu uzas azbukajn literojn,[8] aperas gazetoj, ĥakase parolas ankaŭ la lokaj radio kaj televido. La ĥakasa lingvo estas proksima al la kirgiza. Kvankam en la lastaj jar-centoj tiu ĉi naci'eto nur viv'etis, ĝia kulturo apartenas[9] al la mal-novaj kaj jam antaŭ dumil jaroj la ĥakasoj havis sian propran skribon.

–lk–

---

1/ aboco, 2/ spiritaj riĉ'aĵoj, riĉ'eco, 3/ profunda ŝanĝo, 4/ aparta rajto, 5/ kion publike sciigas aŭ starigas altaj ofic'ejoj, 6/ preciza senco, 7/ parto de lando aŭ ĝia tuto, 8/ rusa aboco, 9/ esti ies posedaĵo

---

# AMIKOJ

Du amikojn, kiuj iris tra arb'aro renkontis urso.

Unu el ili for-kuris kaj grimpis[1] sur la arbon. La alia restis sube, ĉar li ne havis tempon kaŝi sin. Li kuŝ'iĝis sur la vojon kaj ŝajn'igis sin sen-viva.

La urso proksim'iĝis kaj pri-flaris[2] lin.

La viro eĉ ne spiris.

La urso pensis, ke la viro estas morta[3] kaj tial ĝi iris for.

Kiam la urso estis for, la amiko sur la arbo re-iris mal-supren kaj demandis kun rid'eto: „Nu, kion flustris[4] la urso en vian orelon? "

„Ĝi diris al mi, ke ĉiuj homoj, kiuj for-lasas siajn amikojn en danĝero, estas mal-bonaj."

*(db)*

---

1/ supren-tiri sin alten, 2/ sent'umi per nazo, 3/ sen-viva, 4/ paroli tre mal-laŭte.




*Antaŭ multaj jaroj vivis en Prago sinjoro, kies nomo estis Skarabo[1]. Li havis grandan domon kaj kvin librojn, el kiuj li tra-legis jam du.*

*Iun tagon li prenis libron pri la Luno kaj iris en gast'ejon. En la gast'ejo li trinkis unu glason da biero[2] post la alia kaj legis la libron.*

*Nokto-meze li iris hejmen. Sur la nigra ĉielo brilis bela plen-luno. Ĝi plaĉis al sinjoro Skarabo.*

*Tiam li sentis, ke li lev'iĝas supren, ĉiam pli kaj pli rapide. La Tero estis ĉiam pli kaj pli mal-granda, dum la Luno ĉiam pli kaj pli granda.*

*Fine li trov'iĝis sur la Luno. Tie estis nur sablo[3] kaj ŝtonoj.*

*„Kion mi manĝos kaj trinkos tie ĉi? " pensis sinjoro Skarabo kaj estis tre mal-feliĉa. Li provis fari kelkajn paŝojn, sed li saltis kiel antilopo.[4]*

*„Sur la Luno mi estas ses-oble mal-pli peza ol sur la Tero," li diris al si mem. Sed post momento li al-kutim'iĝis.*

*Li levis la kapon kaj ek-vidis en la aero ĉevalon kun flug'iloj. Sur la ĉevalo sidis homo en blanka ĉemizo.[5]*

*Ankaŭ la Lun'ano ek'vidis sinjoron Skarabon. Li al-flugis, saltis de sur la ĉevalo kaj komencis kanti:*

*„Kiu estas vi?*
*Ĉu homo bona*
*aŭ fi! [6] fi! fi! ?*

*Sinjoro Skarabo miris. Kia ne-kutima parolo!*

*„Pardonu", li diris. „Mi loĝas sur la Tero."*

*„Ho, fi! Li loĝas sur la Tero!*
*Certe ne poeto,[7] nek filozofo,[8]*
*ĉu ne estas vero? "*

*kantis la Lun'ano. Poste li klar'igis, ke li estas poeto kaj tial li kantas en versoj. Sur la Luno ĉiuj estas aŭ poetoj aŭ pentr'istoj[9] aŭ muzik'istoj aŭ filozofoj aŭ scienc'istoj.[10]*

*„Mi ne estas poeto", respondis sinjoro Skarabo. „Mi havas la domon."*

*„Tion mi tuj sciis.*
*Mi montros al vi,*
*en kian belan landon*
*vi venis,"*

*kantis la Lun'ano. Li sid'igis sinjoron Skarabon sur la ĉevalon kaj ili ambaŭ for-flugis.*

*Ili flugis tre longan tempon. Poste ili venis en grandan urbon. Sur la stratoj promen'adis homoj en blankaj ĉemizoj. Ĉiuj kantis aŭ pentris aŭ muzikis.*

*„Ni iru al koncerto,[11]" diris la poeto. Kiam ili ek-sidis, venis bilet'isto kaj donis al ili monon kun biletoj.[12]*

*„Kial li donas al ni la monon?" miris sinjoro Skarabo. „Kial li ne petas la monon?"*

*„Kion?" miris nun la poeto. „Ĉu sur la Tero estas tia rid'inda kutimo, ke oni vizitas la koncerton kaj ankoraŭ pagas por tio? Mi estas certa, ke via muziko havas nenian artan valoron!"*

*„La muzik'istoj komencis muziki. Ili faris tian bru'egon, ke sinjoro Skarabo volis for-iri.*

*„Mi vidas, ke nia muziko tre kor--tuŝas vin", diris la poeto. „Ni iru en bild-galerion."*[13]

*En la bild-galerio estis multaj pentr'-aĵoj kaj unu pentr'isto.*

*„Majstro,"*[14] *diris la poeto, „mi prezentas al vi la Ter'anon".*

*„Terano!" ek-kriis la pentr'isto. „Rigardu miajn pentr'aĵojn.* ***Mi estas*** *certa, ke ĉiuj pentr'aĵoj sur la tuta Tero ne havas tian artan valoron kiel unu mia!"*

*Sinjoro Skarabo rigardis la bildojn. Sur ili estis ruĝaj, flavaj, bluaj, verdaj, brunaj, nigraj kaj blankaj makuloj.*[15]

*„Vi pravas", diris sinjoro Skarabo kaj rapide for-iris el la galerio.*

*„Ĉu mi povas inviti vin al tag-manĝo?" demandis la poeto.*

*„Jes, certe," diris sinjoro Skarabo ĝoje. Li estis ege mal-sata.*

*En la domo de la poeto estis granda tablo kaj sur la tablo multe da floroj.*

*„Sid'iĝu kaj flaru,"*[16] *diris la poeto. Ili sidis kaj flaris. Pasis dek minutoj. Ili flaris la florojn, sed la tag-manĝo ne-nie. Post pluaj dek minutoj sinjoro Skarabo diris:*

*„Pardonu, sed kiam estos la tag--manĝo? Mia nazo jam estas sufiĉe sata."*







*Kiam la poeto aŭdis pri la nazo, li ek-saltis:*

*„Fi! Tian mal-belan vorton*
*neniam uzu plu!*
*Mi perdas mian forton! "*

*Kaj li falis sur la seĝon kvazaŭ sen--viva. Sinjoro Skarabo nenion kompreni. Kiam la poeto vek'iĝis, li demandis:*

*„Kio okazis? Mi nur diris, ke mia nazo..."*

*„Fi! Ne uzu tiun vorton! ", kriis la poeto.*

*„Kial? Ĉu la nazo..."*

*„Fi, ne uzu tiun vorton, ĉu vi ne scias, ke veraj poetoj ne povas aŭdi tian mal-bel'aĵon? "*

*„Pardonu, mi ne sciis," diris sinjoro Skarabo. „Mi nur demandis pri la tag-manĝo."*

*„Nun miris la poeto. „Kial? Ĝi estas antaŭ vi sur la tablo! "*

*„Ĉu sur la Luno oni manĝas florojn? " demandis sinjoro Skarabo.*

*„Oni ne manĝas, sed flaras. Tio estas nia tag-manĝo," respondis la poeto.*

*„Ho, terure! ", ek-kriis sinjoro Skarabo. „Mi mortos tie ĉi pro mal-sato! Kaj kion vi trinkas? Ĉu vi havas bieron?*

*„Bieron? " miris la poeto. „Tion mi ne konas. Ni trinkas la matenan rozon."*[17]

*„Tio estas ankoraŭ pli terura! Mi mortos*[18] *pro soifo!*[19] *Mi mortos pro soifo!*

*„Ne kriu, homo," diris la poeto kaj komencis skui sinjoron Skarabon.*

*Sinjoro Skarabo mal-fermis la okulojn. Li kuŝis antaŭ la gast'ejo. Apud li staris polic'ano.*[20]

*„Tie ĉi oni ne rajtas kuŝi", diris la polic'ano. Vi pagos pro tio kvin guldenojn."*

*Ankoraŭ neniam sinjoro Skarabo pagis kun tia ĝojo kiel nun.*

*Laŭ la libro de S.Čech*
*rakontis M.Malovec*
*Bildoj: M.Tomečková*

---

1/ Speco de insekto, 2/ trink'aĵo, 3/ tre mal-grandaj eroj de ŝtonoj, 4/ rapid-kura besto, 5/ vira vesto, 6/ kio estas mal-estim'inda, 7/ verk'isto, 8/ saĝ'ulo, 9/ bild-art'isto, 10/ homo, kiu havas vastajn sciojn pri io, 11/ muzika kun-veno, dum kiu oni ludas, 12/ bileto – paper'eto, kiu rajt'igas ricevi aŭ parto-preni ion, 13/ ejo por el-montri art'aĵojn, 14/ granda sur floroj, 18/ ĉesi vivi, 19/ bezono trinki, 20/ gard'isto de ordo.



LA RUBRIKON GVIDAS
**Josef Cvosta** ('ĥvosta)
Engelsova 289,
CS–290 01 PODĔBRADY
**Ĉeĥoslovakio**
Sendu ĉiun korespondaĵon
rekte al tiu adreso!




Inter la leg'antoj de la JUNA AMIKO estas knabo de ne-certa aĝo, kiu preskaŭ ne mal-jun'iĝas, interes'iĝas pri multaj aferoj kaj ŝat-okupoj, lernas sufiĉe bone, sed li ne estas sen-erara. Li ŝatas amuz'iĝi kaj esti gaja. Li ofte skribas al ni kaj ĉar li ofte sub-skribas siajn leterojn per X.Y., ni nomas lin Ksaver Ipsilon. En sia lasta letero X.Y. skribas pri sia ŝat-okupo – kolekt'ado de vidaĵ-kartoj. Sed lia letero estas iel mal-klara. Pri-juĝu mem kaj ĝustigu ĝin. X.Y. skribas:

*Antaŭ eble du jaroj mi komencis kolekti vidaĵ-kartojn, kiujn mi ricev'adas de miaj amikoj, kiuj vojaĝas. Mi jam havas sufiĉe riĉan kolekton. Plej multe mi ŝatas la vidaĵ-karton el Vatikano, kiu trov'iĝas fakte en Madrido kaj kie loĝas patriarko.*[1] *Sed interesa estas ankaŭ la vidaĵ-karto el Londono, ĉar sur ĝi estas la alta fera turo*[2]*, simbolo*[3] *de tiu urbo. Londono estas en Kanado, de tie mi havas ankoraŭ vidaĵ-karton kun piramidoj. Ili estas proksime de Meksiko, la ĉef-urbo. La vidaĵ-karto kun la monto Fuĵisan super Vladivostok en Hindio kaj Bejrut en Egiptio estas ankaŭ interesaj. Mi havas ankaŭ la karton pri la mar-haveno*[4] *en Parizo, ĉef-urbo de Hispanio. La urbo, kiu nom'-iĝas greke Hierosolima kaj arabe Jeruŝalajim kaj estas en Egiptio, havas sur la karto grandajn akvo-falojn. Kaj el Moskvo mi havas la bildon de ŝipo, kiu sci'igis la komencon de la Granda Oktobra Revolucio. Same interesa estas la vidaĵ-karto el Melburno, kie estas granda krist-naska*[5] *arbo en amaso da neĝo. Sed plej multe mi ŝatas la karton el Sofio, ĉef-urbo de Rumanio, kiu trov'iĝas sur la du kontinentoj.*[6]

Bon-volu atente legi la leteron de X.Y. kaj skribu pri liaj eraroj. Ni atendas viajn respondojn je la adreso: Josef Chvosta, Leninova 16, CS 29001 Poděbrady, ĈSSR, ĝis la apero de nova numero. Ĉiu ricevos por sia letero belan vidaĵ-karton kaj en la plua numero aperos nomoj de tiuj, kiuj respondis ĝuste.

1/ Eklezia ĉefo, 2/ alta, el-stara konstru'aĵo, 3/ signo, 4/ ŝipejo, 5/ vintra festo, 6/ granda divid'aĵo de la tero.

# Kiel mortpafi gangsteron



Des. P.Rak

Ĉu vi jam aŭdis pri Niels Bohr? Li estas unu el la plej grandaj fizik'istoj de nia jar-cento. Li ĉiam kaj ĉion tre profunde pri-pens'adis kaj pro tio ofte ŝajnis, ke lia pens-maniero estas kvazaŭ mal-rapida. Tiel oni povas klar'igi, ke kvankam li tre ŝatis rigardi filmojn kun indianoj, gangsteroj ks., li neniam komprenis, kio okazas dum la prezent'ado kaj sekve ĉiam demandis pri tio si-ajn kun'ulojn.

Li rimarkis ekzemple, ke kvankam en la filmoj la gangstero prenas pafilon[1] kiel unua, tamen la heroo[2] ĉiam estas pli rapida kaj sukcesas mort'igi[3] la gangsteron. El tio li faris konkludon,[4] ke la heroo estas pli rapida tial, ĉar por savi[5] sian vivon li devas agi sen-pripense, dum la gangstero pripensas la aferon.

La amikoj de Bohr tute ne kredis tion. Bohr, do, aĉetis lud-pistolojn kaj diris, ke oni provu lin „mort-pafi[6]". La provo sukcesis: Bohr, simile kiel heroo en la filmo, estis ĉiam pli rapida ol la „gangsteroj".

Se vi ne kredas, provu ankaŭ!

*Laŭ la libro de G. Gamow*
*re-rakontis A. Kred*

1/ ilo por mort'igi, 2/ homo, kiu el-staras per ne-ordinaraj faroj 2/ ĉes'igi ies vivon, 4/ fina sekvo de la pri-pens'ado, 5/ liber'igi iun de danĝero aŭ morto, 6/ mort'igi per paf'ilo.

*Gafur Gazizi*

# Al nov'ulo

I.

Saluton, kara komenc'anto!
Okaze de la kurso[1] -fin'
pro via ven' al Esperanto
tut-kore ni gratulas[2] vin!

II.

Vi post lern'ado kelk-monata
l'inter-nacian lingvon nun
sci-povas uzi, ĝin kompreni
en mult-nacia komun'um.

III.

En-iru nian vastan rondon –
Esperant'uj' nom-iĝas ĝi.
Por amik'igi tutan mondon
amikojn trovu tie ĉi.

IV.

Al nia lando Esperanta
ni vin invitas por bon-far',
sen-lima estas ĝi, sen-randa[3]
kaj tial mankas en map'ar'[4]

1/ vico da instru-horoj, 2/ esprimi al iu sian kontenton, 3/ ĉirkaŭa fin'aĵo de objekto, 4/ bildo pri lando, tero ks. sur-papere.

---

Pál Gyulai

## Ĉit, karul'eto

Ĉit, karul'eto, ĉit, ĉit, ĉit!
Restu silenta en via lit'!
Dormu okuloj, dormu buŝet'! –
nur tiom estas sole la pet'.

Panjo[1] ek-dormis, vidu vi mem,
jen, karul'eto, jen, jen, jen!
Fermas okulojn bele la knab',
al vi klin'iĝas jam mia kap'.

György Végh:

## Kial ne estas nigra floro?

Kial vi ne vidis
iam nigran floron?
Ĉar la floroj havas
neniam mal-ĝojon.

Blanke ili ĝojas,
blue ili ridas,
la har'ar': aromo,[2]
ili vin invitas.

El la hungara:
*Imre Szabó*

1/ patrino, 2/ agrabla odoro

# *El Proverb'aro Esperanta*

de L.L. Zamenhof

Akvo kura — akvo pura
Al mal-riĉ'ulo ovo kiel al riĉ'ulo bovo
El du mal-bonoj pli mal-grandan elektu
Estu saĝa homo en la propra domo
Fino bona — ĉio bona
Granda nubo mal-granda pluvo
Kie regas la forto tie rajto silentas
Kie lumo ekzistas ankaŭ ombro trov'iĝas
Komenco bona — laboro duona
Kun kiu vi kun'iĝas tia vi far'iĝas
Lern'ado sen fruktoj ne vestas
Lernu juna por esti saĝa mal-juna
Ne ĉio utilas kio brilas
Ne doloras frapo sur fremda kapo
Ne scias la mano dekstra kion faras la mal-dekstra
Ne vivu kiel vi volas, vivu kiel vi povas
Nur tiu ne eraras kiu neniam ion faras
Pagas mal-junaj jaroj por junaj eraroj
Pli bone io ol nenio
Pli proksime estas sia ol alia
Pro multo da arboj li arb'aron ne vidas
Rido matene ploro vespere
Unua paŝo iron direktas
Vortoj sakon ne plen'igas




## KORESPONDI DEZIRAS



Bojanka IGNATOWA, (sur la foto) 32-jara fraŭlino, oficistino, kolektas naztukojn, librojn kaj lernolibrojn en Esperanto. 5000 Veliko Tarnovo, Zenski-str. 23-a ap.8, **Bulgario.** * Raul HERNANDEZ Gazzido, C/8 n.1 3e s, Ciudad Pegaso, Madrid-22, **Hispanio.** Pri filmo, literaturo, muziko. * **Ts.Batsaya,** Ulan-Bator, Central Post, poste restante, **P.R.Mongolio.** Pri botaniko, biologio, bioniko, astronomio, kibernetiko. * Dmitrij ZVUKOV, 22-jara, **Sovet-Unio,** 141400, Moskovskaja obl.,gor. Himki, Leningradskaja 16-17. Pri sporto, moderna muziko, lingvoj; kolektas insignojn. * Bildkartojn pri urboj kaj pentraĵoj sendos kontraŭ similaj bk. aŭ irkp István TAKÁCS, Katona J. u. 4. H-8700 Marcali, **Hungario.**

JUNA AMIKO
Internacia Lerneja Esperanto-Revuo
de la Hungara Esperanto-Asocio (H-1368 Budapest, 5. Pf. 193.) Responda eldonisto: TIBOR VASKÓ Responda redaktoro: OSZKÁR PRINCZ Redaktoro: OLDŘICH KNÍCHAL (Budaörs, Patkó u. 3., II. 19. H-2040) Kunlaborantoj: **D. Berndt** (GDR), **M. Boulton** (Anglio), **Y. Brion** (Francio), **J. Chvosta** (Ĉeĥoslovakio), **As. Grigorov** (Bulgario), **V. Heimlich** (GFR), **A. Kubulnieks** (Sovetunio), **R. Okumura** (Japanio), s-ino **Ösz** (Hungario), **B. Ragnarsson** (Islando), **E. Raveloson** (Madagaskaro), s-ino **Saranath** (Hinda Unio), **T. Sekelj** (Jugoslavio), s-ino **M. Turin** (Francio), **J. Zagoni** (Rumanio), **W. Zytynski** (Pollando), Grafikistoj: **J. Klement, P. Rak.** (Ĉeĥoslovakio), **S.Plugor** (Rumanio), s-ino **E. Váli** (Hungario).
Minisztertanács Táj. Hiv. –
III. (IFJ) 30/1976.

Ára: 8,- Ft

# humuro



„Mia komput'ilo[1] diras al mi, ke mi ricevas tro malmulte da poŝ-mono."

1/ kalkul'ilo

Juna art'isto





Sen vortoj



